# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

aŭgusto 2008
n-ro 99

SPECIALA NUMERO PRI SOMERA-GASTADO DE KEL EN HRVATSKO ZAGORJE



- ★ Cent jaroj de Esperanto en Kroatio: Novembra simpozio en Filozofia fakultato
- ★ Granda Vortaro Esperanta-Kroata de Lucija Borčić pretiĝas
- ★ Verkisto Luko Paljetak – gasto de KEL en Zagorje
- ★ Renkontiĝo de verkistoj 2008

# Karaj legantoj!

La 99-a numero de *Tempo* en viaj manoj resumas la eventoriĉan Esperantan sezonon en Kroatio.

Enkondukis ĝin la 26-an de majo la plej multhoma kroata Esperanto-programo ne nur en la jaro 2008: en la ĉefa zagreba koncertejo **Vatroslav Lisinski** kunvenis pli ol 1500 spektantoj por omaĝi al la 100-a jubileo ekde la fondiĝo de la unua tutkroatia Esperanto-asocio, Unuiĝo de kroataj esperantistoj en 2008. **Judita Rey Hudeček** reĝisoris la du-horan muzikan programon kaj plukis el la multfaca historio de la kroata Esperanto-Movado tiujn erojn kiuj povus interesi la ĝeneralan publikon, kunveninta en la granda koncertejo kune kun la kroataj esperantlingvanoj.

Kiel ni sukcesis venigi 1500 spektantojn kaj aŭskultigis ilin pri historio de Esperanto en Kroatio? Plej multe meritiĝis du membroj de **Esperanto-Societo Bude Borjan** - **Sava Matetić-Lučić** kaj **Zlata Nanić** alvenigints po 250 personojn al la kultura festprogramo! Specialan dankon al ili! **Vida Jerman** elegante gvidis la scenejan programon en kiuj multaj meritoplenaj muzikaj ensembloj kaj solistoj kante ilustris opajn aspektojn de la kroata Esperanto-historio. Gimnaziano **Drago Ilišinović** revuigis surekrane de la impona koncertejo la elekton el la historio de la jardekoj pasintaj, montrante ke Esperanto en Kroatio estas respektinda kultura fenomeno. (Sur la foto de Fotosudio Kopešić tri estraranoj de Kroata Esperanto-Ligo R. Milošević, D. Klobučar kaj S. Štimec kun meze staranta d-ro Ivo Rotkvić.)

La centjubila festo en *Lisinski* efektiviĝis ne nur kelkajn gazetartikolojn sed



ankaŭ 3 televidajn kaj plurajn radio-elsendojn.

Esperanto laŭte sonis ankaŭ en **Filozofia fakultato**, kie invitite de **D-ro Velimir Piškorec** gastis de la 19-a ĝis la 21-a de majo lingvisto **D-ro Detlev Blanke** per 6 Esperanto-rilataj prelegoj. Kvar fojojn D-ro Blanke prelegis germane por studentoj de la germana fako ĉe Filozofia fakultato. Liaj temoj estis interlingvistiko kaj planlingvoj respektive vortfarado. Studentoj de la germana fako povis en **Seminario pri lingvaj kontaktoj** kaj ankaŭ en **Seminario pri eko- kaj interlingvistiko** informiĝi pri la temo Esperanto - internacia socilingvistka simpozio. En **Klubo de universitataj instruistoj** D-ro Blanke prelegis Esperante pri **Lingvo desur la skribo-tablo**, kun traduko de Velimir Piškorec kroaten. **Bona Espero** en Brazilo estis lia temo dum gastado en **Esperanto-Societo Bude Borjan**.

La banko **Volksbank** en strato Rački kontribuis ekde la 24-a de aprilo al nia festo: ĝi presis kelkajn ekzemplerojn de la jubilea afiŝo, por kiu **Muzeo Mimara** disponigis materialojn pri la skulptaĵo de **Jesper Neergaard** en Zagrebo. Volksbank disponigis siajn kvar montrofenestrojn por akompani nian jubileon kaj ilustri niajn unuajn librojn, nian junularan agadon, nian aplikon de Esperanto kiel lingvoponto. Unu montrofenestro atentigis ke esperantistoj al Zagrebo donacis la skulptaĵon **La Futuro**.

Nia festa etoso atingis ankaŭ la Kennedy-placo, kie staras la monumento. La skulptaĵon honore al la jubileo aprilfine purigis la urba servo por prizorgado de monumentoj, dank' al la klopodoj de **Biserka Rožić-Šutej**.

La maja festo en *Lisinski* havis sian parton ankaŭ en **Nacia kaj universitata bioblioteko**, kie sur la teretaĝaj bretoj de **Sveučilišna knjižara** gastis niaj eldonaĵoj, publikigitaj tra la pasintaj dek jardekoj. Aparta atento estis dediĉita al la nuna laboro: al la tradukprojekto de Kroata Esperanto-Ligo.

**Muzeo Mimara** ne restis ekster la fokuso de la Esperanta festo. Ĝi gastigis filatelian ekspozicion **CROPHILA** de la 26-a ĝis la 31-a de majo 2008 kaj kadre de ĝi ekspozicion pri Esperanto, prizorgita de fervora zagreba filatelisto **Nikola Turk** al kiu helpis vic-prezidanto de KEL, **Radenko Milošević.**

En Osijek estis prezentita libroekspozico pri Esperantaj eldonaĵoj en **Nacia kaj universitata biblioteko** de la 19a ĝis la 31a de majo 2008.

En majo ĝojis la plej juna generacio de Esperanto-parolantoj: la Esperanta domo en Kostrena gastigis la **6-an Scikonkurson pri Esperanto**. (Gajnis en komencanta A-kategorio **Dorotea Martinec** kaj **Petra Sarić** (ambaŭ el Elementa lernejo *Mladost* el Zagrebo. La trian lokon gajnis **Danijel Hrvatin** el Elementa lernejo *A. Mohorovičić* el Matulji. **Tena Kuzmanović** el la zagreba Elementa lernejo *Retkovec* gajnis la unuan lokon en kategorio B (progresintoj) dum la dua loko apartenis al ŝia samlernejanino **Nikolina Gegić**. La **pokalo Kostrena 2008** iris al Elementa lernejo *Retkovec*.

Pluraj societoj jarkunvenis: **Esperanto-Societo Split** elektis novan estraron (**Anđelko Drnasin** prezidanto, **Etel Zavadlav** sekretariino, **Davor Grgat** vic-prezidanto) kaj decidis grave finance subteni la eldonon de la **Vortaro de Lucija Borčić** kaj la ejon de Vodnikova. Elkoran dankon pro la subteno.

**KEL** havis sian jarkunvenon la 5-an de majo 2008. Dum ĝi estis al **Studenta Esperanto-Klubo** okaze de 50-jariĝo, enmanigita monpremio **Kalendulo**, kiun lanĉis **Neven Kovačić**.

**Esperanto-Societo Liberiga Stelo** el Osijek jarkunvenis la 12-an de majo 2008.

Tute aparte la ĉi-jara jarkunveno en **Esperanto-Societo Viktor Mihovilić** en Karlovac efektiviĝis generaciŝanĝon: la prezidantino fariĝis juna **Sanja Damjanić**, la sekretarian laboron transprenis **Jelka Glumičić**.

Ni povus prezenti multon pri la Esperantaj eventoj en Kroatio. Sed kroataj esperantistoj aktivis multe ankaŭ eksterlande, kontribuante al internaciaj eventoj. Al la impona kongreso de esperantistoj-jurnalistoj en Vilnius en Litovio prelegis **Josip Pleadin, Davor Grgat** kaj **Vlado Jurković**. **D-ro Velimir Piškorec** reprezentis la zagreban Filozofian fakultaton en Amsterdamo, kie dum la antaŭkongresa semajno por simpozii renkontiĝis pluraj profesoroj el la universitatoj, kie Esperanto estas instruata. Jubileis kroataj esperantistoj ankaŭ en Roterdamo julie ĉe la centjariĝo de **Universala Esperanto-Asocio**. Infanoj el Kroatio ne mankis samsemajne ĉe **Internacia Infana Kongreseto** en Nederlando. Kroataj fervojistos fake kaj turisme aktivis ĉe **IFEF-kongreso** en Poznano, en Pollando.

Elstaris la somera agado de KUNE, **Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj**, kiu al Premantura venigis 80 ne nur blindajn gastojn, por ĝui en **Internacia Kongreso de Nevidantaj Esperantistoj** (11-18 de julio 2008). KEL prezentiĝis en la kongreso per infana projekto pri integriĝo de vidantoj en la socio de nevidantoj. La financan helpon disponigis **Urba oficejo pri klerigo, kulturo kaj sporto**.

Plej gaje estis aŭguste apud la rivero Mrežnica en Duga Resa, dum tie viglis la aranĝo nomata **MIRO**, organizita de Kroata Esperanto-Junulara Asocio. MIRO atingis sian 10-an jubilean kaj ricevis helpon de la urbo Duga Resa per gigantaj afiŝoj, kiuj ornamis la urbon.Tiaj grandegaj afiŝoj, kutimaj por grandaj kompanioj, la unuan fojon estis uzita por Esperanta aranĝo en Kroatio.

La venonta numero de **Tempo** prezentos kelkajn el la someraj aranĝoj pli detale. Ni elstarigu tamen ankoraŭ kelkajn gravaĵojn:

La tutan jaron prepariĝas ĉe la eldonejo de esperantisto **Damir Mikuličić** **Sveučilišna knjižara** la plej impona verko de nia jubilea jaro: la unua volumo de la vortaro de **Lucija Borčić** titolita **La granda Vortaro Esperanta-Kroata**. La unuaj 50 membroj de KEL jam mendis la vortaron. Dum oktobro eblas aboni ĝin je 190 kunaoj. Rapidu!

Maturiĝis ĉi-somere al sia 41-a datreveno **Pupteatra Internacia Festivalo**, la plej aĝa zagreba festivalo, kiun fondis esperantistoj el **Studenta Esperanto-Klubo** en la sesdekaj jaroj. Bela trilingva PIF-monografio redaktata de **Ivan Špoljarec** honoris ankaŭ la Esperantajn jardekojn de PIF.

Du Esperantaj verkoj el Kroatio *Kroata Milita Noktlibro* de **Spomenka Štimec** kaj leksikono *Ordeno de Verda Plumo* de **Josip Pleadin** kandidatis en la slovena Šempeter por **OSIEK-premio**, **Josip Pleadin** ankaŭ gastprelegis dum la aranĝo.

La plej nova movada revuo iras al la mondo el Đurđevac. **Zagreba Esperantisto**, en sia dua vivojaro per sia bela aspekto kaj riĉa enhavo entuziasmigas siajn legantojn. Gratulon al la ĉefa redaktoro **Josip Pleadin** kaj respondeca redaktoro **Radenko Milošević**!

Car tiun ĉi numeron de **Tempo** financas Zagorje, respektive **Departamento Krapinsko-zagorska** el Krapina, ni enfokusigas tiujn du temojn ĉi-numere kiujn Kroata Esperanto-Ligo realigis en Zagorje: **Festo de meteorito**, okazinta la 31-an de majo 2008, kiam KEL gastigis du kroatajn akademianojn **Luko Paljetak** kaj **Zvonimir Mrkonjić**. La titolpaĝan foton ni ŝuldas al Željko Gubijan.

**Renkontiĝo de Esperantlingvaj verkistoj**, okazinta de la 15-a ĝis la 17-a de



# VERKISTO LUKO PALJETAK - GASTO DE KEL EN HRAŠĆINA



aŭgusto 2008 en Hraščina-Trgovišće. Aŭspiciis ĝin ***Akademio Literatura de Esperanto***, la nova Akademio kreita en Roterdamo en aŭgusto 2008, kiu elkreskis el ***Esperantlingva Verkista Asocio***. Verkistino ***Lena Karpunina*** kaj redaktoro ***Ljubĉo Trifonĉovski*** kontribuis persone, verkisto ***Paul G. Gubbins*** nur prelege. ***Lena Karpunina*** prezentis sin ankaŭ kiel kantistino. Ŝiaj slavaj kanzonoj tute aparte kontribuis al la aranĝo. Tial en la numero de Zagorje gastas Mihail Lermontov kun *Soleca trista velo*, en traduko de ŝia edzo Gerd Bussing.

La plej impona ĉi-sezona kroata libro venis al Zagorje el Dubrovnik ***Dundo Maroje*** de Marin Držić, kun la traduko de la verko en 18 lingvoj, inkluzive Esperanton (redaktita de ***Luko Paljetak***). La Esperantan tradukon de *Dundo Maroje* prizorgis ***Lucija Borčić***.

La plej impona ĉi-sezona internacia libro venis al Zagorje el Nov-Jorko kaj ĝi en la angla lingvo traktas la originalan Esperantan literaturon. Ĝia kompilinto ***Geoffrey Sutton*** enkonstruis en ĝin sep siajn vivojarojn. La verko ***Concise Encyclopedia of the Original Literature of Esperanto*** estas ricevebla senpage se vi pretas verki pri ĝi du recenzojn. Kontaktu nin!

Tempo anoncas la daŭrigon de nia jubilea programo: granda internacia jubilea simpozio ***Esperanto kaj la kroata identeco*** en ***Filozofia fakultato*** en novembro al kiu kore invitas la artikolo de ***D-ro Velimir Piškorec***.

Vi trovos ĉi-numere liston de homoj kiuj kontribuis mone por nia komuna estonta ejo en ***Vodnikova***. Kuraĝige sonas la cifero: post la jaro 2003 niaj membroj kolektis por nia ejo entute preskaŭ 18.000 eŭrojn! Malforta Movado ne povus akiri tiun sumon de siaj membroj!

La venonta, centa, numero de ***Tempo*** akompanas nian centan jubileon. La centa numero prepariĝas kaj baldaŭ survojos al vi.

Ĉiu el ni kun sia agado riĉigas la nunon, malantaŭ kiu staras niaj pasintaj cent Esperantaj jaroj en Kroatio. Ni havu malmultajn nubajn jarojn antaŭ ni!

*Spomenka Štimec*

Kroata Esperanto-Ligo dum pli ol jardeko venigas maje al Zagorje kroatajn verkistojn kaj prezentas iliajn verkojn al la publiko. Tiu literatura aranĝo titolita ***Renkontiĝo de meteorito*** okazas memore al 40-kilograma meteorito kiu surteriĝis en Hraščina en 1751 kaj kiu diskoniĝis la vilaĝon en la meteorita scienco. La kulturan programon lige al ĝi financas ***Departamento Krapinsko-zagorska***. La evento donas la okazon prezenti Esperanton al kroataj verkistoj.

La vilaĝa festo okazas en Hraščina, subĉiele, en la korto de la malnova domo, en la bieno kiun meze de la 19-a jarcento konstruigis barono Dragojlo Kušlan kaj lia edzino Ivana. La bieno historie plurfoje rilatis al literaturaj eventoj: la konstruintoj estis la geonkloj de Henrieta Mažuranić, la patrino de la plej konata kroata verkistino Ivana Brlić-Mažuranić.

Akademiano Luko Paljetak estas la plej pinta kroata poeto. Ne hazarde li gastis ĉe KEL- programo en la jaro 2008. Tiun jaron la tuta kroata kulturo aparte festas: en Dubrovnik, la urbo kie vivas Luko Paljetak, en la jaro 1508 naskiĝis la plej granda kroata komediisto Marin Držić. Tial la tuta jaro 2008 en Kroatio estis sub la signo de la granda komediaŭtoro.

La ĉefa laboro de Luko Paljetak en 2008 estis prizorgado de diversaj aspektoj de la Držić-jaro, interalie, redaktado de la granda enciklopedieska Držić-verko enhavanta tradukojn de lia komedio ***Dundo Maroje*** en 18 lingvoj. Unu el tiuj lingvoj estas la nia - Esperanto. La elegentan version de Esperanta traduko prizorgis Lucija Borčić. La impona verko pri Dundo Maroje estis julie dum Renkontiĝo de verkistoj prezentita en Hraščina al la Esperanta publiko.

Pri la granda kroata poeto Luko Paljetak la 31-an de majo 2008 parolis akademiano Zvonimir Mrkonjić, nomante lin meteorito kiu ekbrilis per sia unua poemaro *Malvirtulo el la rozo*. La poemaro gajnis la unuan premion en 1968. De post tiu premio Paljetak ne ĉesas pintostari en la kroata poezio, kontribuante al la kroata lingvo ne nur kiel poeto kaj tradukisto sed ankaŭ kiel dramisto.

En Hraščina Paljetak mem legis versojn el siaj verkoj kaj plezurigis la plenkreskulan sed ankaŭ la infanan publikon. Lia plej ŝatata porinfana poezia libro *Musar' kaj katar' - kapaltere* gajnis en 1970 gravan kroatan literaturan premion portanta la nomon de Ivana Brlić-Mažuranić. Por ĉiu nova generacio aperas nova eldona de la poemaro. En 1995 li gajnis la premion *La girlando de Goran*.

Li famiĝis pro siaj tradukoj de la verkoj de France Prešern el la slovena lingvo kroaten. Li estas ekde la jaro 1994 membro de Kroata akademio de sciencoj kaj artoj.

Zora Heide esperantigis poemojn el la lastatempaj poemaroj de Luko Paljetak *Genuecaj insuloj* (Koljenski otoci), *Frizisto por krizantemoj*, *La nevidebla flago*. Tempo prezentas premiere la titolpaĝan poemon *La nevidebla flago*. Fotoj de Milivoj Lozovina.

*Spomenka Štimec*

**NEVIDEBLA FLAGO (Nevidljiva zastava)**

Se mi havus pecon da silko flagon
mi farus kaj ĝin hisus
surtegmenten, sed mi loĝas en loĝejo
teretaĝe, en la domo kiu havas
kvar loĝejojn, la tegmento estas komuna
kaj estus komplika ago; se mi,
ni supzu, sukcesus tamen ĉe tio,
kaj, ni supozu, ke mi havas pecon da silko
tia, sed tian pecon mi ne havas, mi ne
hisus ĝin simple senplue, mi atendus
ke ekblovu la vento, tiu kiu
plej konvenos por la flago kaj la festotago
pro kiu mi ĝin hisas, kiu,
tion al vi mi ne povas diri, ankaŭ
vi ne dirus al mi, pro tio mi gardas
la flagon nevidebla, mi atendas nevideblan venton

*Luko Paljetak*
*El la kroata: Zora Heide*



# MARJORIE BOULTON, ALTE RESPEKTATA KAJ AMATA

Marjorie Boulton estas ne nur alte respektata en la esperanta mondo sed ankaŭ vasta amata. Evidente, en platona senso ... sed mi ne povas pensi pri alia homo en Esperantujo kaj respektata kaj same amata. La respekto devenas ĉefe de la verkaro: elstara, ĉiam freŝa liriko, kiu foje humure, foje tragike, kunsente kaptas la homan sorton; teatraĵoj, kiuj, ĉu elegante verse, ĉu nature parole, prilumas la komedion, la tragedion de la vivo (memorindas, cetere, ke la plej riĉa dramo-kolekto en nia literaturo - ***Virino ĉe la landlimo*** - aperis en 1959 do antaŭ preskaŭ 50 jaroj: la kolekto estos honorata dum la barlastona teatro-semajnfino en januaro venontjare); libroj - ekzemple pri Zamenhof - kaj sennombraj artikoloj, zorge, diligente kaj ĉefe juste, objektive preparitaj, simile kontribuas al nia respekto. Ne forgesendas, cetere, la instruisto Marjorie Boulton, ĉiam populara kiel preleganto kaj organizanto de seminarioj kaj aliaj renkontiĝoj.

Do jen la respekto. Parte, jes, de la poemoj, la dramoj, la personaj renkontiĝoj dum kunvenoj kaj seminarioj, devenas ankaŭ la amo. Tiam evidentas, ke Marjorie estas ne nur esperantistino: ŝi estas - kaj pardonu la herezon - pli ol esperantisto. Ŝi estas, antaŭ ĉio, homo, ĉefe kunhomo. Kunhomo en la senco, ke ŝi funde komprenas, funde simpatias: ŝia ĉefa karakterizaĵo estas humaneco. Esence, ŝi amas siajn kunhomojn: iliajn misojn, iliajn misiojn; iliajn suferojn, iliajn sopirojn; iliajn revojn, iliajn realojn. Kaj, ĉar ŝi amas, ŝi estas reciproke amata.

La humaneco montriĝas ankaŭ alimaniere. Literaturistoj emas forgesi, ke Marjorie estas unu el la plej diligentaj leteristoj en la verda mondo. Neniu vizito ĉe Marjorie estas kompleta sen matena alveno de leterportisto, kun fasko da esperantaj komunikaĵoj el ĉiuj anguloj de la mondo, aŭ sen posttagmeza piedirado al apuda leterkesto kun la diversaj korespondaĵoj de Marjorie (kiu nun, verŝajne sola inter esperantistaj eminentuloj, ne uzas interreton). Nuntempe eblas diri, ke, por Marjorie, pli gravas leteri ol beletri. Antaŭ du jaroj ŝi konfidis al mi, ke ŝi taksas siajn leterojn pli gravaj ol la aliaj verkoj. Tiel, ŝi malkaŝis, mi povas rekte helpi, rekte subteni: mi scias, ke mi alparolas, konsole, konsile, kaj hom' al home. Tion mi ne povas diri pri miaj poemoj kaj aliaj skribaĵoj.

Artisto ne estas la plej bona homo por pritaksi la propran laboron. Eĉ ne ege inteligenta, ege saĝa artisto, kia estas Marjorie. Sendube ŝia verkaro - verŝajne pli ol la leteroj - postvivos ŝin kaj eternigos ŝian nomon en Esperantujo. Tamen la leteroj - kaj ni, kiuj ricevis leterojn de Marjorie, nepre ilin konservu, por ĉerpi inspiron, forton, amon dum mallumaj momentoj - alimaniere iluminas la homecon, la kunhomecon kaj la humanecon de Marjorie, estaĵo unika en Esperantujo. Unika, ĉar respektata kaj amata.

***Paul Gubbins***

La temo prezentita dum Renkontiĝo de verkistoj, Hraščina, inter la 15-a kaj 17-a de aŭgusto 2008. La Renkontiĝo realigita per la financa helpo de Ministerio pri kulturo de Respubliko Kroatio kaj Akademio Literatura de Esperanto. Aldone al la prezento de la prelego de Paul Gubbins, kiu mem ne povis ĉeesti, knabino Tena Kuzmanović legis poemojn de Marjorie Boulton, interalie *Kato kaj televido*. Tena, premiita dum la maja scikonkurso en Kostrena, debutis dum la aranĝo ankaŭ en la rolo de – kelnerino.

## KROATIO HAVAS TRI AKADEMIANINOJN

Literatura Akademio de Esperanto, fondita en Roterdamo dum Universala Kongreso de Esperanto la 24-an de julio 2008 estas la nova Akademio en Esperantujo. Ĝi daŭrigas la vivon de Esperantlingva Verkista Asocio - EVA fondita en Budapeŝto en 1983 per klopodoj de Tibor Sekelj. Post kvaronjarcenta laboro la faka asocio de UEA transformiĝis al Akademio.

Kroataj membroj de la Literatura Akademio de Esperanto estas Lucija Borčić, Zora Heide kaj Spomenka Štimec. La Akademion prezidas Mauro Nervi en Pizo.

*S.Š.*



## KATO KAJ TELEVIDO

Antaŭ la televido-aparato,
sur tabureto, sidis kato:
tre bonkondutis ĝi, silentis,
al mondnovaĵoj ĝi atentis
kun seriozo digna, deca.
Sekvis programo alispeca:
ornitologio ekparolis;
jes, birdoj sur l' ekrano rolis!
Nu, jen, fringel', aŭ kanari', aŭ
ĉu eble kanabeno ...? MIAŬ!
Miaŭ! Salt'!
Ek! kaj halt'!
Brulokula, sidis kato
vibra sur la aparato,
klinis sin por kapti, vane,
belajn birdojn surekrane!

(1967)

Marjorie Boulton



# PRI LENA KARPUNINA aŭ SERĈANTE LA AŬTORINON MALANTAŬ LA TEKSTO

## Unue: kiu estas Lena Karpunina?

Sur la lasta, kovrila, paĝo de la novelaro **Neokazinta amo** estas presita mallonga noto pri la aŭtorino: "Lena Karpunina naskiĝis en 1963 en Ruslando. Plenkreskis en Duŝanbe (Taĝikio). Nun vivas en Germanio. Ŝia unua libro **La Bato** aperis en 2000 ĉe FEL. Multaj el ŝiaj rakontoj estis premiitaj en Belartaj Konkursoj de UEA kaj publikigitaj en diversaj Esperantorevuoj." La noto diras malmulte kaj, krome, ne estas preciza. Jelena (Lena) Alekseevna Karpunina ne naskiĝis en Ruslando – ŝi naskiĝis kaj travivis la infanaĝon kaj junaĝon en Sovet-Unio. Tiam kaj ŝia naskiĝloko, la vilaĝo Verhovaja en regiono Kaluga, kaj ŝia hejmurbo, Duŝanbe en Taĝikio, troviĝis en la sama ŝtato. Nun Duŝanbe estas ĉefurbo de la memstara Taĝikio. Kial tio gravas? Gravas ĉar, malgraŭ tio ke en ŝiaj aŭtobiografiecaj noveloj ne tro gravan rolon ludas politiko, tamen ĝi multe rakontas pri la periodo de sia formado, pri la vivo en tia kaj tiama ŝtato. Krome, multaj aliaj aferoj pri kiuj ŝi parolas, la maniero je kiu ŝi vidas aliajn urbojn kaj ŝtatojn, venas el la vivspertoj havintaj dum la infanaĝo kaj maturado en Sovet-Unio. Ankaŭ la fakto, ke ŝi estis rusino en Taĝikio, iamaniere kolorigas ŝian vivon kaj ŝiajn spertojn kiuj reflektiĝas al ŝia rakontado.

Verŝajne la malriĉa duŝanbea, taĝikia, sovet-unia realo kaj ŝia mi-forma aŭtobiografia kaj aŭtobiografieca rakontado eltiris iun parton de la intereso por ŝiaj rakontoj ĉar, sendube, ŝi spertis tute aliajn okazaĵojn kaj vivkondiĉojn ol homoj de tiu generacio en Okcidenta Eŭropo. Jes, ŝia deveno kaj vivo aspektas iel ekzotike.

## Tri grupoj da motivoj

Lena Karpunina publikigis la rakontojn en du, respektive tri libroj.

**La Bato** aperis en 2000 ĉe FEL kaj en 2006 publikiĝis la dua eldono, reviziita kaj pliampleksigita, en Moskvo, ĉe IMPETO. En 2007 aperis dua kolekto da rakontoj, denove ĉe FEL, titolita **Neokazinta amo**. En la dua kolekto kelkaj rakontoj estis represitaj. Kune kun la ĉi-jaraj premioj, estis honore menciitaj kaj premiitaj pli ol dek prozaĵoj de Lena Karpunina ĉe UEA-konkursoj. Precize: kvar honoraj mencioj, kvin 3-aj premioj, tri 2-aj kaj ĉi-jare 1-a premio (ankaŭ la 3-a). El la librigitaj rakontoj mi provos grupigi novelojn en tri grupojn.

### 1. Motivoj el infanaĝo kaj junaĝo kun aŭtobiografiaj elementoj

Ĉi-tiuj motivoj faras pli ol duonon de la unua libro. En la dua eldono tio estas dek el la dekok rakontoj. Temas pri la titolrakonto *La Bato, La ridinda letero, La patrino kaj la filino, Inter najbaroj, Bela, La instruistino, La motorciklo, Paska pluvo, Jaŝa* kaj *La adiaŭo* kaj en tiun grupon oni povas nombri ankaŭ la rakonton *La siberia parencaro* el la dua kolekto.

La rakontoj en tiu grupo estas verkitaj en mi-formo, kie la rakontantino estas infaneca: t.n. nekompetenta rakontanto. La infaneca starpunkto al la rakontoj donas specifan guston, precipe kiam ni vidas ke ne temas pri bela, ŝminkita infanaĝo, sed pri infanaĝo en kiu nefavoraj vivkondiĉoj multajn homojn faras malbonaj, eĉ krudaj. En la plej bonaj noveloj de ĉi-tiu grupo (*La Bato, La patrino kaj la filino, Inter najbaroj, Paska pluvo* kaj *La instruistino*), kiuj samtempe estas la plej bonaj noveloj de Karpunina, ŝi precize, perceptante ĉiun detalon, malkaŝas la psikon de siaj ĉefrolantoj, sen troaj priskriboj kaj deflankiĝoj, kontentigante komplete la arton de novelverkado. La leganton pleje impresos priskriboj de rilatoj inter infanoj kaj plenkreskuloj, precipe priskriboj de kondutoj de gepatroj al infanoj (la patra severeco en *La Bato*; timo antaŭ la patrino, kiu, sola edukante la filinon en kondiĉoj de senhaveco kaj ebla sendomeco, sian senhelpon kompensas batante la filinon pro kio ajn en *La patrino kaj la filino*).

### 2. Malliberejaj (siberiaj, gulagaj) motivoj

En ambaŭ kolektoj gravan parton rolas tiuj ĉi rakontoj. Mi jam menciis ke iuj el tiuj rakontoj ripetiĝas en la dua kolekto, kaj la reeldono de la unua ankaŭ estas priampleksigita en tiu direkto. Entute mi nombris naŭ rakontojn, kiuj preskaŭ ĉiuj estis rakontitaj en mi-formo de nekonata rakontanto. Tio signifas, ke la rakontanto plejparte ne estas aganto, heroo, sed nur elflanka observanto, eble flanka persono en la rakonto, kies ĉefa rolo estas ke ankaŭ li estas malliberulo, ke li konis la ĉefpersonon pri kiu oni parolas, do ke la rakontanto estas sennoma atestanto pri iuj eventoj kaj iuj homoj kiuj plej ofte pereis en Siberio; mortbatitaj, mortpafitaj dum provo de forkuro kaj simile.

Bedaurinde, ĝuste tiu sennomeco de atestanto, iamaniere ŝajnas nesufiĉe konvinkiga: ne tiom pri la okazintaĵoj mem, kiom pri la valoro kaj profunda kono de la tuta historio. Tial iuj el tiuj noveloj, kvankam verŝajne parolantaj pri veraj okazintaĵoj, ŝajnas tro anekdotaj. Tamen, ankaŭ tiuj rakontoj havas sian dokumentan valoron, kaj iuj el ili estas ankaŭ bone komponitaj kaj, tial, rekonitaj de konkurs-juĝantoj. Temas pri la honorigitaj *Miŝka Voropajev* kaj *Mirt*, kaj premiitaj *Trovi kaj perdi*, kiu parolas pri postaj negativaj efikoj de malliberula vivo al homa destino kaj *Pro savo de homo*, kie la impreso eliras el efika, iom disvolvita rakontado, ne similtona kiel ĉe aliaj rakontoj, sed kun ironia koloro.

### 3. Esperanto kaj nuntempo kiel motivoj

La trian grupon faras rakontoj plejparte nuntempaj, inter kiuj apartiĝas la rakontoj okazantaj en Esperantujo, kies unu el la elementoj estas vivo de esperantistoj, spertoj de esperantistino. La plej interese en tiuj ĉi rakontoj estas, ke esperantistoj estas prezentitaj neidealisme; stranguloj kaj originaluloj, sed ankaŭ teduloj kaj



molestantoj estas konataj en nia komunumo. En tiu grupo elstaras *Neokazinta amo* kie videblas nova tono, romantika, al kiun novelo transiras ĉe la fino, kie eĉ la ĉefrolanta tedulo de plejparto de rakonto fine restas forgesita pro (neokazinta) amo.

En aliaj rakontoj de tiu grupo la aŭtorino provas esti amuza, satira (*Paradizo de sultanoj*, *La bestamikoj*), paroli pri aliaj rande de siaj spertoj, sed tie perdiĝas bona sento de travivaĵo persona, kvankam por mi estas pli interesaj apartaj okazintaĵoj kaj spertoj el Sovet-Unio kaj postsovetuniaj landoj, ol la berlinaj ĉiutagaĵoj. Tiel, pli interesa estas la rakonto *Mortpafitaj pomoj* kiu malfermas interesan mondon de interetnaj rilatoj en postsovetuniaj tempoj, kiam ekestas novaj ŝtatoj kaj novaj rilatoj, kiam oni subite, pro nacieco, religio aŭ ia ajn alieco, ekestas nekonato, malamiko, kiam disfalas la antaŭaj najbarecaj sentoj. Kio okazis kun onklo Aleksej, kiun lokanoj "alinomis orientmaniere: Aliŝer aŭ onklo Aliŝer, por montri respekton antaŭ lia aĝo" kiu "tiel alkutimiĝis al tiu nomo, ke jam de multaj jaroj li mem nomis sin Aliŝer" kiam "ŝi reveturis en la landon, kie ne estas milito"?

## Konkludo aŭ preparoj por aŭtobiografia romano

Marcel Proust signis la vojon al literaturo memuareska; al literaturo kie oni parolas pri unuopaj homaj spertoj, literaturo sincera, ne faranta literaturajn heroojn, parolanta pri vera vivo. La plej granda parto de la literaturo de la dudeka jarcento estas tia literaturo. Krome, iu diris ke, pri kiu ajn parolante aŭ verkante, verkisto skribas pri si mem. Tial mi interesiĝas pri aŭtobiografiaj kaj aŭtobiografiecaj elementoj en la rakontoj de Lena Karpunina.

Mi eble tute maltrafis, sed ŝajnas al mi ke temas pri personaj spertoj en la plej granda parto de rakontoj el la unua grupo. Kvankam la aŭtorino parolas iam en mi-formo sen nomo, kaj en iuj noveloj knabinoj havas nomon kiu ne estas Lena, ekzistas elementoj, ŝlosiloj por diri ke tamen ŝi rakontas pri si. En la rakonto pri patrino kaj filino temas pri Irinka, same kiel en *Inter najbaroj*, sed en la unua estas videble ke Irinka havas identajn biografiajn faktojn kiel la aŭtorino: "Ankaŭ Irinka naskiĝis en Kaluga, sed kiam ŝi estis dujara, la gepatroj elmigris en Taĝikion por labori ĉe la konstruado de la akvoelektrostacio en Nurek. (...) Kiom Irinka povis memori, ili ĉiam vivis en Azio, komence en Nurek kaj poste en Duŝanbe." Duŝanbe pri kiu "ŝi" (sennoma, sed homoj ofte pri si skribas tiel, en la tria persono) pensas de malproksime kiel pri sia patrujo (*Mortpafitaj pomoj*).

Same estas pri la rakontanto de malliberejaj rakontoj, li versajne estas ŝia patro, kiu en la rakonto *Trovi kaj perdi* diras: "Tiu ĉi Saŝka savis al mi iam la vivon ... kiam mi estis en malliberejo."

Kion tio signifas? Ne estas grave ĉu io estas vera aŭ elpensita, ĉu okazis ĝuste tiel aŭ aliel, sed ŝajnas al mi ke temas pri materio el kiu oni povas fari romanon: ĉu aŭtobiografian, ĉu nur aŭtobiografiecan, ne grave! En romano oni povas priskribi, deflankiĝi, krei tutan fonon el eventoj; la aŭtorino faris tion ankaŭ en la rakontoj, sed ĝuste tiaj ne estas la plej bonaj. Novelarto ne ŝatas superfluon, klarigojn kaj komprenigojn. Tial, se mi povus konsili la aŭtorinon, mi dirus al ŝi, ke ĉion ĝis nun skribitan valorus enpaki en la aŭtobiografi(ec)an romanon pri formjaroj en Duaŝanbe, Taĝikio, Sovet-Unio, kiun mi vidas komplikigitan (kio estas bona!) tra dutempa rakontado kie nuneco vokos kompari la antaŭajn tempon kaj spertojn, kie, krome, ekzistas loko por foresto kaj reveno de la patro, kaj por li kiel rakontanto de malliberejaj epizodoj, kiuj tiam havigus precizan kaj specifan vizaĝon kaj voĉon, al kiu leganto pli multe kredus.

Eĉ se ŝi tion ne faros, la rakontoj de Lena Karpunina donis al mi eblecon legi ilin ĉi-maniere, literatur-aventurisme: serĉante ligilojn, kialojn, nediritajojn, sekretojn, serĉante la vizaĝon de la aŭtorino malantaŭ la teksto.

***Zdravko Seleš***

***Fotoj de Davor Klobučar***

---

**Kroata Esperanto-Ligo** invitas siajn membrojn
al
Malfermo de Scienca Simpozio

# Esperanto kaj kroata kultura identeco

Filozofski fakultet
Ivana Lučića 3
Zagreb

**vendredon la 7an de novembro 2008 je la 10 h**
**Vijećnica fakulteta**



## SOLECE BRILAS BLANKA VELO

Solece brilas blanka velo
En la nebul' de l' blua mar'
Al fora land - kun kia celo?
For de la hejm' - pro kiu far'?

La ondoj ludas, muĝas vento
Kaj knare kurbas sin la mast'
Pri malfeliĉ' ne estas pento
Kaj al feliĉ' neniu hast'!

Sub ĝi la flu' lazure helas
Kaj super ĝi - la suna or'
Sed nur, se ĝin la ŝtormoj pelas
Ĝi sentas pacon en la kor'!

Mihail Lermontov

El la rusa Gerd Bussing
Foto de Željko Gubijan

# PRI MI KAJ MIAJ VERKOJ

Mi plenkreskis en fora mezazia lando, en la ĉirkaŭata de alta montaro taĝika ĉefurbo Duŝanbe.

Esperanton mi lernis fine de la okdekaj jaroj en dumonata kurso en la E-klubo "Montara torento". La klubo estis malgranda, sed tre altnivela kaj klera, eble, ĉar ĝin gvidis reprezentantoj de kelkaj institutoj de la Taĝikia Akademio de sciencoj (matematika, geografia, kemia).

Nu jen, mi finis la kurson, sed flue paroli kaj kompreni Esperanton ne povis. Verŝajne iam mi estus forlasinta Esperanton, ĉar viziti la klubejon por admiri aliajn parolantojn ne estis tre interesa por mi. Feliĉe, somere mi veturis al Esperanto-tendaro en Rusio, kiu okazis en arbaro apud la urbo Urjupinsk. En la tendaro oni ne rajtis paroli iun ajn lingvon krom Esperanto, ekzistis tie "verda polico", kiu severe gardis la lingvan ordon. Kaj en la tendaro oni multe kantis ĉe la lignofajro kaj ĝenerale. Mi estis ravita de tiu ĉi kantemo de rusaj esperantistoj kaj komencis reskribi kantojn kaj tiel kompili mian unuan kantareton. Do, komence mi ekkantis esperante, kaj nur poste, finfine, ekparolis. Reveninte el Rusio al Duŝanbe mi agrable surprizis miajn geklubanojn, ĉar mi de nun sufiĉe flue parolis Esperanton.

Tiel okazis, ke mi forlasis Taĝikion, kie en 1992 komenciĝis civila milito. Ĝi daŭris kvin jarojn.

Kiel mi venis al verkado de rakontoj? Dum la Universala Kongreso en Prago en 1996 mi hazarde ĉeestis la premiiĝon de Belartaj Konkursoj. Oni anoncis la gajnintojn kaj legis kelkajn premiitajn verkojn. Aŭskultinte unu rakonton mi decidis sekvontjare mem partopreni la BK. Tiamaniere en mia kazo la "Belartaj konkursoj" estis la ekpuŝo, pro kio mi komencis aŭ eĉ kuraĝis verki. Laŭ la kondiĉoj de la konkurso oni rajtas sendi tri verkojn en ĉiu branĉo. Do, reveninte hejmen mi skribis miajn unuajn tri rakontojn kaj sendis ilin al UEA. La rakonto "Jaŝa" gajnis en 1997 la trian premion. Por la sekvontjara konkurso mi verkis tri aliajn rakontojn, du el ili gajnis "Honoran mencion". En 1995 mi post kelkjara foresto vizitis Taĝikion, kiu ĝuste dum tiuj jaroj travivis civilan militon. Kelkaj impresoj kaj bildoj de la vizito estas respegulitaj en la rakonto "Mortpafitaj pomoj".



Kiam mi havis pli ol dekdu rakontojn, mi komencis serĉi eldonejon, kiu pretus eldoni libroforme miajn rakontojn. La serĉado daŭris preskaŭ du jarojn. Finfine mi ricevis pozitivan signon de la eldonejo FEL en Antverpeno, kaj fine de la jaro 2000 aperis mia unua libro "La Bato". Ĝi estas kolekto el 15 noveloj, plej granda parto de kiuj estis verkita por la Belartaj Konkursoj de UEA. "Neokazinta amo", mia dua rakontaro, aperis en la jaro 2007.

Do, tiuj ĉi du libroj ĝis nun estas la rezulto de mia literatura laboro.

*Lena Karpunina*



# VIRINAJ VOĈOJ EN NIAJ ANTOLOGIOJ



En ***Liro de esperantistoj***, Grabowski, jam en la jaro 1893, kolektis la unuajn provojn de nia naskiĝanta poezio: 110 poemojn (el kiuj 23 originalaj). Tamen virinoj tie ne estas: la unua esperanta verkistino ***Marie Hankel*** debutos en nia literaturo post 15 jaroj. Vilmos Bleier, en 1938, eble intencis inkluzivigi Hankel en la ***Nova Krestomatio***, kies unua volumo estis enhavonta originalajn prozaĵojn kaj versaĵojn, elektitajn kun la celo ilustri nian literaturhistorion.

Fakte ni havas virinojn en alia, eldonita kvin jarojn pli frue antologio, ***Dekdu poetoj*** sub la redaktado de Kálmán Kalocsay, eldonita de la budapeŝta "Literatura Mondo", en 1934. Sur la 127 paĝoj oni trovas 105 poemojn de 12 poetoj el 7 nacioj. Inter la dekdu, du estas virinoj. Donante tribunon al ***Hilda Dresen*** kaj ***Amalia Núñez-Dubús***, Kalocsay ne nur trovas originalajn virinajn voĉojn en nia poezio, sed li puŝas la feminismon en nia literaturo.

***Esperanta Antologio*** estis unue publikigita de "Stafeto" en 1958, kun la subtitolo *Poemoj 1887-195* kaj en 1984 en dua eldono de UEA, reviziita kaj plikompletigita, en 1984, kun la subtitolo *Poemoj 1887-1981*. Ĝi enhavas pecojn de 90 poetoj: el la unua periodo 23, el la dua periodo 43, el la tria periodo 24. Pri la historio de *Esperanta Antologio* mi nun ne revenos, ĉar belegan eseon pri ties 50-jara jubileo, el la plumo de prof. Carlo Minnaja, vi povus legi en la junia numero 233 de revuo *Literatura Foiro*. 22 poetinoj ĉeestas en la libro kaj laŭ mi Auld faris sufiĉe bonan ekvilibron en la nombro de la inkluzivitaj verkoj depende de la maturiĝo de la aŭtorinoj. Antaŭ la forpaso de Auld, *LF-koop* traktis kun li la reeldonon de *Esperanta antologio* kaj certe la novaj tendencoj en la poezio de virinoj digne respeguliĝos en ĝi.

En alia grava verko, eldonita de *Hungaria Esperanto-Asocio* en 1989, la duvoluma *Trezoro*. ***La esperanta novelarto 1887-1986,*** la redaktintoj Reto Rossetti kaj Henri Vatré konservas preskaŭ ĉiujn tekstojn de la pli frua antologio ***33 rakontoj*** (redaktita same de Reto Rossetti kaj Ferenc Szilágyi, kun prefaco de Ivo Rotkvić, eldonita de J. Régulo, en 1964 sub la marko de eldonejo La Laguna). Se 22 jarojn pli frue *33 rakontoj* enhavis 328 paĝojn, la nova *Trezoro. Esperanta novelarto* jam imponas per siaj 952 paĝoj. Se en 33 rakontoj ni renkontas nur kvar virinojn (***Roksano, Marjorie Boulton, Jolanthe Leser kaj Clelia Conterno***), en la *Trezoro* ni trovas jam 15 virinojn elinter 102 prozistoj entute. La verkoj de virinoj elstaras. De ***Marjorie Boulton*** oni enmetis unu solan novelon, la bonegan *La kaptilo de Dio*, ***Zora Heide*** aperas kun tri eroj, el kiuj unu vere bona rakonto pri infanaĝo, *Feliĉo*, ***Spomenka Štimec*** kun la novelo *Vojaĝo al disiĝo* kaj kerna fragmento el *Ombro sur interna pejzaĝo*. Impresa estas la mallonga membiografia rakonto *Adiaŭo en malfrua printempo* de ***Verda Majo*** (Hasegawa Teru, japanino). Bedaŭrinde, mankas meritaj aŭtorinoj kiaj ekz. ***Vesna Skaljer-Race*** aŭ ***Nevena Nedelĉeva***. Tamen la *Trezoro* penetras sufiĉe bone la staton de nia novelarto ĝis antaŭ 22 jaroj kaj la rolon de virinoj en nia originala prozo.

En sia recenzo pri ***Nova Esperanta Krestomatio*** redaktita de William Auld (eld. UEA en 1991 kiel n-ro 5 de la Jubilea Kolekto Jarcento de Esperanto) Aleksander Korjenkov asertas ke la 509 paĝoj estas "tute moderna kaj aktuala prezento al la nuntempa Esperanto" kaj ke "la duvoluma *Trezoro: La Esperanta novelarto* montriĝis malsupera "Nova Esperanta Krestomatio". Tamen Auld metas al si alian celon ol pure prezenti nian literaturon. Ni trovas tie ne nur originalan literaturon, sed ankaŭ tradukarton, sciencon, lingvon, eĉ ideologion (la interna ideo en nia kulturo). Kaj kio pri la virinoj en ***Nova Esperanta Krestomatio***? Ni trovas 2 rakontojn de virinoj, 4 tradukistinojn, 3 aŭtorinojn pri Zamenhof, 2 aŭtorinojn pri la interna ideo. Eble ne tiom imponus tie *Sonoj el fora juneco* de ***Rajna Konstantinova***, sed tutcerte senteblas la manko de nomoj kiel ***Clelia Conterno-Guglielminetti*** kaj ***Lina Gabrielli***.

En 2001 eldonejo KLEKS en Bielsko-Biała eldonis rimarkindan libron sub la titolo ***Mondoj***. Tomasz Chmielik, Georgo Handzlik, kaj Sten Johansson selektis kaj elektis 34 originalajn rakontojn el la plumo de tridek esperantaj aŭtoroj el kvin kontinentoj. En tiu 216-paĝa libro elstaras la verkoj de kelkaj virinoj: ***Spomenka Štimec, Zora Heide, Vimala Devi, Lena Karpunina, Danuta Kowalska, Zofia Mirska***, tamen ne impresis min ***Irena Lowinska*** kaj ***Sheila Spielhöfe***.

Du krestomatioj, nome instruhelpiloj, havas antologian karakreton. Dum ***Baza Literatura Krestomatio*** de Vilmos Benczik (eld. HEA, 1979), kiu servis kaj servas jam preskaŭ tridek jarojn por la kursanoj en nia lingvo, enhavas nur kvin nomojn de virinoj, la du-voluma ***Ek al leg!*** de Hektor Alos kaj Kiril Velkov (eld. BEA 1991-1992) prezentas jam 15 aŭtorinojn kun klarigaj notoj pri ties verkoj. Ĉiukaze, ne la nombro, ne la statistiko gravas, pli gravas la kvalito.

En diversaj antologioj, kia ***La verda relo*** (beletra antologio pri la fervojo, eld. LF-koop en 1981), ***Rozo kaj***



*glavo* (originalaj poemoj de bulgaraj esperantistoj, eld. en 1987 de Sofia-Pres, sub la redaktado de Canko Murgin), ***Sub la signo de l' socia muzo*** redaktita de William Auld kaj Stefan Maul (eld. Flandra Esperanto-Ligo, en 1987) ĉeestas niaj aŭtorinoj. Same kiel en la plej freŝa, la pasintjara ***Moskvaj sonoriloj***, antologio de verkoj de moskvaj poetoj-esperantistoj, kompilita de Nikolao Gudskov (eld Impeto, Moskvo, 2007). Interkrampe, temas entute pri 36 poetoj, de la niaj literaturaj pioniroj kiel Deŝkin kaj Ĥohlov ĝis la novaj kiel Ĥmelinskij kaj Soljakova. Mi citos el la recenzo de Zlatoje Martinov pri ĝi, en *Literatura Foiro*, por starigi problemon:

"La antologio estas siaspeca valoraĵo ĉar al la nerusa esperantista legantaro ĝi alproksimigas la artajn atingojn de la rusaj/moskvaj esperantistoj. Sed kial la aŭtorojn en ĝi konsideri "moskva skolo"? Por esti "skolo" oni postulas certajn komunajn ideajn, temajn kaj poetikajn trajtojn inter ĉiuj "skolanoj". Krom la senduba fakto ke ĉiu inter la reprezentitaj poetoj estas/estis loĝantoj de urbo Moskvo, aliaj komunaj ecoj plejparte mankas. Ne povas ekzisti ia ĝenerala rusa (aŭ serba, pola, ktp.) skolo sed ene de la rusa esperanto-kulturo oni povas ĝuste surbaze de specifaj karakterizoj diferenci unu aŭ pli da skoloj. Ĉu oni povas serioze kompari la altnivelajn versofarojn de Oĉjo Ĉajka kaj Grigorij Arosev, kun ekzemple tiuj de Irida Basko kaj Lybovoj Motylova? Certe ne. Ili ĉiuj povas, kompreneble, esti moskvanoj sed certe ne samskolanoj ! Miaopinie, la poeta apero de Arosev kaj Oĉjo estas ne nur bonŝanco por la rusa esperanto-kulturo kaj poezio, sed ankaŭ kerno el kiu povus reale disvolviĝi estonta moskva skolo. Tion jam anoncas la moskvaj sonoriloj, pro tio la antologio meritas nian plenan atenton." Mi citas tion, ĉar estas grave por la estonto, ĉu nomi la literaturon kreitan de virinoj "feminisma literaturo".

Nia literaturo estas jam tiom matura, ke ĉu ne estas tempo kolekti kaj eldoni antologion de la virinoj en nia literaturo, des pli ĝi estas tiom matura ke nia literaturo kandidatas por la Nobel-premio per virino, Marjorie Boulton proponita de la Esperanta PEN-Centro?

Kaj fine, permesu al mi emfazi, ke Kroatio donis al la esperanta literaturo elstarajn aŭtorinojn, la nialingvan literaturon en Kroatio markas precipe virinoj: ni memorigu hodiaŭ la karmemoran ***Emilija Lapenna***, ni aplaŭdu ***Zora-n Heide*** kaj ***Lucija-n Borčić***, kaj tutkompreneble ***Spomenka-n Štimec***, al kiu mi nun diras: "Dankon pro tiu bela kaj utila renkontiĝo!".

***Ljubomir Trifonĉovski***
***Fotoj de Davor Klobučar***

# PRI *ONKLO MAROJE* TRADUKITA, PERDITA KAJ RETRADUKITA

Lucija Borčić estas meritoplena kroata esperantisto, kiu tre agrable surprizis nin ĉiujn, kiam ŝi post Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo en 2001 (dum kiu ŝi festis sian 80-an naskiĝtagon) komencis krei ***Grandan Esperantan-kroatan Vortaron***. Malgraŭ la grandega laboro, ŝi sukcesis finpretigi la manuskripton planatan kaj aldone verki la manuskripton de la ***Granda Vortaro Kroata -Esperanta***. Similan ampleksan laboron ni apenaŭ trovus en la historio de kroata Movado.

Pretigante la manuskriptojn, ŝi ne ripozis senplume: ŝi kreis alian imponan verkon. Ŝi esperantigis komedion ***Onklo Maroje*** de Marin Držić (Dubrovnik 1508 - Venecio 1567)) kiun *Someraj festludoj de Dubrovnik* eldonis en 2008, kun kuneldonisto *Matica Hrvatska Dubrovnik*. La verko, redaktata de Luko Paljetak, enhavas 18 tradukojn de la komedio, elmontrante la vivecon de la plej vigla kroata renesanca dramisto.

Lucija Borčić konis la historion: ni jam foje posedis la tradukon de *Onklo Maroje*. Posedis kaj - perdis. La komedion esperantigis Srđan Flego kaj surscenigis la verkon per *Internacia Arta Teatro* dum Universala Kongreso en Kopenhago en 1962. Tuta aro de prestiĝaj zagrebaj geaktoroj partoprenis en la realigo. En la teatraĵo ĉefrolis aktorino Ljubica Jović dum la rolon de la kuriero havis zagreba esperantisto Vladimir Jurković, kiu zorgis, interalie, pri la scenejaj rekvizitoj. La organizan kaj sekretarian laboron pri la surscenigo de la teatraĵo por la internacia publiko venonta al Danlando prizorgis Zlata Flego, la fratino de Srđan. Laŭ la memoro de Jurković la geaktoroj preparis la teatraĵon sur la scenejo de la zagreba teatro *Gavella*.

Bedaŭrinde, post la teatraĵo la geaktoroj donis malmultan atenton al la traduko. En la pariza loĝejo de Srđan Flego, laŭ informo de lia edzino Jana Ravšelj, okaze de iu akvotuba rompiĝo, pereis la Esperantlingvaj tradukoj de Flego, inkluzive tiu de *Onklo Maroje*.

Kiam Lucija Borčić aŭdis ke Luko Paljetak okaze de la 500-a jubileo de Držić serĉas la Esperantan tradukon de la verko, ŝi komentis:

- Kiu inter vi konas la malnovan dialekton de Dubrovnik? Mi ja havis onjon el Dubrovnik kiu parolis per la malnova dialekto de Dubrovnik.

Lucija sidiĝis ĉe la tajpilo ... kaj *Onklo Maroje* aperis en ŝia eleganta Esperanta vesto, en Dubrovnik en julio 2008.

Nun la dika kaj impona libro veturas tra la mondo. En Hrašćina ĉe Renkontiĝo de verkistoj, la verko ricevis grandan aplaŭdon. Oni aplaŭdis al la unika renesanca aŭtoro Marin Držić, al la entreprenema redaktoro Luko Paljetak, al la diligenta kaj lingve sentema Lucija Borčić kaj ne laste al ŝia onjo el Dubrovnik kaj ĉiuj onjoj de la mondo, kiuj heredigas dialektojn kaj laboremon.

***S. Štimec***

(Sur la foto de S. Štimec Lucija Borčić akceptas *Onklon Maroje* en sian hejmon.)



# ESPERANTO KAJ KROATA KULTURA IDENTECO

### Faka kaj scienca simpozio okaze de centjariĝo de organizita nacia Esperanto-movado en Kroatio la 7-an kaj la 8-an de novembro 2008 en Filozofia fakultato Zagrebo

Okaze de la centjariĝo de la organizita nacia Esperanto-movado en Kroatio, Kroata Esperanto-Ligo kaj Filozofia fakultato de Universitato Zagrebo organizos la 7-an kaj 8-an de novembro 2008 internacian fakan kaj sciencan simpozion titolitan ***Esperanto kaj kroata kultura identeco***. La organizantoj intencas inviti prelegantojn kiuj pritraktos kvar ĉefajn temarojn – unu ĝeneralan kaj tri specifajn. Kadre de la ĝenerala temaro oni parolos pri diversaj aspektoj kaj problemoj de nuntempta internacia komunikado tuŝante ankaŭ Esperanton kiel eblan solvon. Prelegoj kadre de aliaj tri temaroj rilatos al: ***1. historio de Esperanto en Kroatio, 2. rolo de Esperanto kiel pontolingvo por prezentado de kroataj kulturaj atingaĵoj eksterlande kaj 3. agado de kroataj esperantistoj sur la ne-esperantisma kampo.*** Oni esperas ke la simpozion partoprenos dudeko de invititaj prelegantoj - kaj esperantistoj kaj neesperantistoj.

Prezidanto de Respubliko Kroatio sinjoro Stipe Mesić, jam bone konata apoganto de aktivecoj de kroataj esperantistoj, konsentis transpreni altan aŭspicion de la simpozio.

La simpozio havas organizan kaj honoran komitaton. Prezidanto de la organiza komitato estas profesoro ***d-ro Damir Boras***, vicdekano ĉe zagreba Filozofia fakultato por scienco kaj internaciaj rilatoj kaj estro de Katedro por leksikografio kaj enciklopedistiko de Fako por informsciencoj, kiu entuziasmiĝis eksciinte pri la ideo de kroataj esperantistoj organizi la simpozion kaj esprimis pretecon aktive kunlabori ĉe ĝia okazigo. Aliaj du organizaj komitatanoj estas magistro ***Radenko Milošević***, ekskonsilisto ĉe Kroatia Ekonomia Ĉambro kaj eksestro de ĝia sekcio por makroekonomiaj analizoj, kaj ***d-ro Velimir Piškorec***, docento ĉe la Germana fako de Filozofia fakultato kaj kroata UEA-fakdelegito por lingvistiko. S-ino ***Aleksandra Ščukanec***, scienca novicino ĉe la Germana fako de Filozofia fakultato, estas la sekretario de la simpozio.

La honoran komitaton prezidos ano de Kroata akademio por artoj kaj sciencoj, kaj honora komitatano de UEA, kaj prezidanto de KEL ***d-ro Dalibor Brozović***. La ideo organizi simpozion kun ĉi-tie prezentita temaro estis varme apogita ne nur de pluraj du membroj de Kroata akademio de artoj kaj sciencoj, nome profesoro pri latinidaj lingvoj ***d-ro August Kovačec***, kaj profesoro ***d-ro Mislav Ježić***, unu el la plej konataj kroataj hindologoj kaj filologoj, sed ankaŭ de aliaj du profesoroj ĉe la Filozofia fakultato en Zagrebo: ***d-rino Zrinjka Glovacki-Bernardi***, elstara kroata germanistino kaj lingvistino, kaj profesoro ***d-ro Josip Silić***, kroata lingvisto famiĝinta kiel aŭtoro de gramatikoj kaj ortografiaj manlibroj pri kroata lingvo. Unu el plej respektindaj kroataj teologoj kaj verkistoj profesoro ***d-ro Ivan Golub*** ankaŭ konsentis pri sia honora membreco rilate al la simpozio, same kiel nestoro de kroata esperantismo ***prim. d-ro Ivo Borovečki***, emerita radiologo kaj honora membro de UEA. Internacian esperantistan komunumon reprezentas en la honora komitato ***d-ro Detlev Blanke*** el Germanio, mondfama interlingvisto kaj prezidanto de Gesellschaft für Interlinguistik. La tuta projekto por organizi la simpozion ne estus ebla sen senhezita kaj varma apogo de dekano de Filozofia fakultato, fama kroata arthistoriisto kaj profesoro ***d-ro Miljenko Jurković***, kiu disponigis la plej solenan ejon de la fakultato por okazigo de la simpozio kaj decidis ke Filozofia fakultato organizu ĝin kunlaborante kun KEL.

La ĉefa celo de la simpozio ***Esperanto kaj kroata kultura identeco*** okazonta en novembro 2008 estas informi kroatan publikon pri internaciaj kaj hejmlandaj aspektoj de historio de Esperanto en Kroatio kaj konatigi la fakton ke kroataj esperantistoj kaj iliaj aktivecoj kaj atingaĵoj dum lastaj cent jaroj estis kaj estas alte estimataj en Esperantujo. La intenco de organizantoj estas ke oni publikigu ĉiujn prelegojn kaj kroate kaj Esperante por ke la prezentotaj esplorrezultoj kaj studoj estu legeblaj kaj citeblaj ankaŭ internacie.

La simpozion povas ĉeesti ankaŭ KEL-membroj, kiuj interesiĝas pri ĝia enhavo, ĉar la solena salono de Filozofia fakultato disponas pri ĉirkaŭ 70 sidlokoj.

***Velimir Piškorec***

# LETERO AL SENJOR' JACQUES PRÉVERT EN PARIZO

*Rememoru, Barbara,*
*senhalte pluvadis ...*
*J. Prévert*

Jes, pluvadis, senjor' Prévert, treege pluvadis
En Bresto, en Parizo, en Zagrebo kaj sur mian domon
Kaj sur la hundan domon pluvgutis
Kaj en kor' mia estis pluvece
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'
Kaj ni fartis kiel neniam plu ni fartos
En la Sejno mi lavis la piedojn ŝvititajn
De l' Gioconda putino ridanta
Mi petis pardonon pro ĉiuj pekoj kajkavaj
Pro furzo sur Montmartro duonhoron
En la preĝejo mi genuis
Kaj la putinece ruĝa mueliĺ'
Tiel ege ekplaĉis al mi ke eĉ hodiaŭ
Mi bedaŭras ke plensakon da niaj fetoraj animoj
Mi ne alportis por mueli
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'
Ĉu vi memoras, senjor' Prévert, ke ni ion malsekan
faris, ĉiu ĉe iu angul' de l' Triumfarko
kaj de l' Efel-turo
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'
Eĉ ne unu policano ekfajfis fajfile
Nur la platanoj en la parko susuris
Kaj la floroj parfumaj kreskis kiel ĉe ni
Ĉi tie proksime, sur Zrinjevac, en Tuškanac, en ĉiu terspac'
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'
Kaj ni ĉion intermiksis, ĉampanon kun lakto
Akvon kun laktokafo, muzikon kun sanganta kapo
De l' homo sur Pigalle, la Sejnon kun Dravo
La tutan Parizon kun nia korto
Tirharmonikon kun la bojanta hundo Flavo
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'
Kaj tiam ni ekiris al la florplaco
Kaj anstataŭ floroj por niaj knabinoj
Ni bruligis tri alumetojn en la pariza nokto
Por malplenigo homa de la stomakoj
Tiel ke ankaŭ la moŝta Kvazimodo super ni
Unu larmguton perdis
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'
Memoras mi, senjor' Prévert, la frumatenan promenon
Ĉirkaŭ la preĝejo Notre Dame
Ekŝajnis al mi aŭdi por momento
En la hor' de l' matena alveno
Mian virkokon kokeriki en la korta silento
Kaj en via man' estis ruĝa ciklameno
Plorema, plorema, sangkolora kaj sola, sola, sola
Kune kun ni
De ĵaŭdo vendreden dum verŝiĝis la pluv'

Zlatko Crnec

El la kajkava dialekto de la kroata lingvo tradukis Ivo Borovečki

# VODNIKOVA 9 – NIA ESTONTA EJO

| | |
|---|---|
| 359. Anonima | 5,00 eŭrojn |
| 360. Anonima | 5,00 eŭrojn |
| 361. Jagoda Latinović-Čaldarević | 6,84 eŭrojn |
| 362. Gordana Jurina | 13,68 eŭrojn |
| 363. Zdravko Jakovljević | 13,68 eŭrojn |
| 364. Melanija Grgić | 55,09 eŭrojn |
| 365. Melanija Žarak | 13,68 eŭrojn |
| 366. Đurđa Štokić | 13,68 eŭrojn |
| 367. Dragutin Smolić | 5,00 eŭrojn |
| 368. Ljerka Stilinović | 5,46 eŭrojn |
| 369. Esperantsko društvo Split | 275,48 eŭrojn |
| 370. Karmen Crnković Vranko | 55,09 eŭrojn |
| 371. Roger Imbert | 40,00 eŭrojn |
| 372. Alan Sladojević | 5,52 eŭrojn |
| 373. Slobodan Kukić | 5,52 eŭrojn |
| 374. Zlatko Hinšt | 40,93 eŭrojn |
| 375. Tomislav Plačković | 6,84 eŭrojn |
| 376. Danira Grgec | 13,68 eŭrojn |
| 377. Stanko Rukelj | 68,22 eŭrojn |
| 378. Franjo Šlabek | 27,29 eŭrojn |
| 379. Dalibor Brozović | 13,68 eŭrojn |
| 380. Velimir Majdak | 10,00 eŭrojn |
| 381. Vida Jerman | 6,84 eŭrojn |
| 382. Milan Sudec | 68,22 eŭrojn |
| 383. Aleksije Herić | 6,84 eŭrojn |
| 384. Ljiljana Kuzmanović | 27,29 eŭrojn |
| 385. Fiore Saganić | 40,93 eŭrojn |
| 386. Mladen Pakiž | 13,68 eŭrojn |
| 387. Blaž Rocek | 27,36 eŭrojn |
| 388. Marta Manojlović | 6,84 eŭrojn |
| 389. Lucija Borčić | 27,36 eŭrojn |
| 390. Mladenka Đaković | 13,68 eŭrojn |
| 391. Marta Dokić | 4,10 eŭrojn |
| 392. Damir Černić | 4,10 eŭrojn |
| 393. Sava Matetić-Lučić | 13,68 eŭrojn |
| 394. Roža Bretić-Višnjić | 6,84 eŭrojn |
| 395. Marija Repac | 13,68 eŭrojn |
| 396. Teodor Mikić | 40,93 eŭrojn |
| 397. Ivo Puharić | 20,05 eŭrojn |
| 398. Siniša Bronić | 40,93 eŭrojn |
| 399. Josip Brkanac | 13,68 eŭrojn |
| 400. Berislav Brajan | 13,68 eŭrojn |
| 401. Rudolf Hahn | 6,84 eŭrojn |
| 402. Anonima | 34,11 eŭrojn |
| 403. Sanja Kodrnja | 6,84 eŭrojn |
| 404. Zdravko Jakovljević | 13,68 eŭrojn |
| 405. Draško Toplak | 6,84 eŭrojn |
| 406. Valeri Enricheta | 4,10 eŭrojn |
| 407. Martin Mihaldinec | 13,68 eŭrojn |
| 408. Đurđa Štokić | 6,84 eŭrojn |
| 409. Mato Brčić Kostić | 13,68 eŭrojn |
| 410. Marina Dimnjaković | 20,05 eŭrojn |
| 411. Bojana Đuričić | 15,00 eŭrojn |
| 412. Branka Čečuk-Cesarec | 20,05 eŭrojn |
| 413. Familio Treer | 40,93 eŭrojn |
| 414. Zlata Nanić | 68,22 eŭrojn |
| 415. Tomislav Plačković | 6,84 eŭrojn |
| 416. Tonina Novak | 13,68 eŭrojn |
| 417. Marija Jerković | 10,00 eŭrojn |
| 418. Spomenka Štimec | 6,84 eŭrojn |
| 419. Neven Kovačić | 13,68 eŭrojn |
| 420. Vesna Staničić-Burchards | 50,00 eŭrojn |
| 421. Rob Moerbek | 20,05 eŭrojn |
| 422. Danica Kovačević | 27,36 eŭrojn |
| 423. Zdravka Metz | 13,68 eŭrojn |
| 424. Anita Perič - Altherr | 20,00 eŭrojn |
| 425. Zdenka Rojc | 34,11 eŭrojn |
| 426. Šime Bućan | 27,36 eŭrojn |
| 427. Sava Matetić - Lučić | 13,68 eŭrojn |

| | |
|---|---|
| **Post aprilo kolektite** | **1.638, 21 eŭrojn.** |
| **Kolektite ekde la jaro 2003 entute** | **17.919,14 eŭrojn.** |

Nia granda kredito en aŭgusto 2008 reduktiĝis al la ŝuldo de 32.446,57 eŭroj.

## GRANDA VORTARO ESPERANTA-KROATA PREPARATA

***Granda Vortaro Esperanta-Kroata*** de Lucija Borčić kreiĝas sub la redakta komitato gvidata de eldonisto Damir Mikuličić, posedanto de la eldonejoj *Izvori* kaj *Sveučilišna knjižara*. La aliaj membroj de la redakta komitato de la Vortaro estas akademiano Dalibor Brozović kaj Nikola Rašić.

Lucija Borčić kreis la vortaron helpe de tradicia tajpilo, sen uzo de komputilo.Tial ŝia vivverko estas eĉ pli admirinda. La tajpitaj paĝoj nombreblas per miloj. Aktuale ŝi estas okupata per korektado de presprovajoj. Zora Heide helpas al ŝi. Pluraj helpantoj cirkulas inter la eldonejo kaj la aŭtorino por ke la Vortaro aperu kiel planite, en decembro 2008.

(Sur la foto de S. Štimec: En sia oficejo Damir Mikuličić transprenas la manuskripton de la Vortaro.)



*Tempo*

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXVII, numero 99 (2/2008), ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Krapinsko-zagorska županija.
Tempo aperas sone sur kompaktdisko ĉe Kroata Unuiĝo de nevidantaj Esperantistoj. Voĉlegas Spomenka Štimec.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete:** esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis:** Ivo Borovečki, Marjorie Boulton, Gerd Bussing, Zlatko Crnec, Foto-studio Kopešić, Željko Gubijan, Paul Gubbins, Zora Heide, Lena Karpunina, Davor Klobučar, Damir Mikuličić, Mihail Lermontov, Luko Paljetak, Velimir Piškorec, Spomenka Štimec, Ljubomir Trifonĉovski. **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo:** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR), 1/2 paĝo 500 kn 68 EUR, lasta titolpaĝo 2500 kn (328 EUR). Abono kvar numeroj jare 60,00 kn. Por eksterlando 10,00 eŭrojn. Unuopa numero enlande 15 kn, por eksterlando 3 eŭrojn.
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***




Kun ĝojo ni anoncas la aboneblecon por la

# GRANDA VORTARO ESPERANTA-KROATA
# de Lucija Borčić

**Eldonistoj: Kroata Esperanto-Ligo kaj Sveučilišna knjižara**
**Amplekso ĉ. 450 paĝoj - Formato 22 x 16 cm - Fortika bindo!**
**Abonprezo nur 190 kn - Posta prezo: 320 kn**

**La plej granda vortaro en la 100-jara historio de Esperanto en Kroatio!**
**Omaĝo de la aŭtoro kaj eldonistoj al la centa jubileo de Esperanto en Kroatio!**

*Bv. fotokopii kaj sendi al KEL, Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb*

---

Mi, ______________________________

Adreso ______________________________________________

Retadreso ______________________________

antaŭmendas _____ ekzemplero(j)n de GRANDA VORTARO ESPERANTA-KROATA, kaj pagas la abonprezon de 190,00 kn por ekzemplero al: Hrvatski savez za esperanto, Kneza Mislava 11, 10000 Zagreb, ĝirkonto ĉe RBA: 2484008 - 1100881157

---

La vortaro aperos en decembro 2008, ekde kiam ĝi estos por la abonantnoj disponebla en KEL, Kneza Mislava 11, Zagreb.
La abonantoj kiuj volas la vortaron liverotan al ili per poŝto, bv. enpagi entute 205 kn (15 kn aldone por enlandaj sendokostoj).
La supran mendilon vi povas ankaŭ faksi al KEL: (01) 461 9373, aŭ mendi telefone (01) 461 7550, poŝtelefono 091 461 7550.
La mendo valida nur post la ricevita enpago. La limdato por la abonprezo: fino de oktobro 2008.

**Pri ĉiuj aldonaj informoj bv. demandi KEL!**